# S☆E☆L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
Kolonelo D. H. Davis.
L. J. VanGulck.

Prezidanto: Douglas Murphy,
39 St. George's Road,
Felixstowe, Suffolk, Britujo.

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.

Kasisto: David H. Withey,
21 Brookfield Avenue,
Waterloo, Liverpool 22,
Britujo.

Redaktoro: Hans Amund Rosbach
Nergt 37 c, N-6500 Kristiansund N, Norvegujo.

Karaj amikoj!

Dehove kun ĝojo kaj plezuro mi elsendas numeron de nia revuo. Ĝi estas la lasta de la jaro, kaj mi esperas, ke ĝi alvenos al vi en la tempo antaŭ kristnasko,- kvankam mi timas, ke mi tro malfruas.

Tiukaze mi petas vian indulgon, sed komprenu: La oficialaj devoj kreskis neimageble, ĉar unu el la kolegoj malsaniĝis, kaj ĉiu el ni tri restantaj devis transpreni la laboron, dividante la taskojn inter ni.

Dum la pasinta numero estis ia finnlanda numero, tiu ĉi fariĝas japana. La ĵamboreo estos nia plej granda eblеco ĝis nun. En la ĵamboreo en Gödöllö ĉeestis 200 SEL-anoj. Al Tokio iros kiom? Jen, tio dependas de vi!

Vi havas helpilojn: La samtempa agado en ĉiuj landoj pere de la sama lernolibro faciligas al vi la aserton de B.P.: "Ĉi tiu lingvo estas uzata en ĉiuj landoj", kaj vi povas helpi al la preskaŭ tuja utilo de la novaj scioj.

Miaparte mi volas streĉi miajn povojn por krei el La Skolta Mondo revuon, kiun vi senhezite kaj senhonte povas montri al la geskoltoj en via urbo.

Sed la helpiloj ne taŭgas, se ni ne uzas ilin.

Tial mi kombinas miajn dezirojn pri agrablaj kaj ĝojoriĉaj festotagoj dum kristnasko kaj pri nova kaj riĉa estonto dum la venonta jaro kun la esperopri senlaca ago de la SEL-anoj. Mi scias, ke eblas. Kaj jam registris rezultojn:

Antaŭ nelonge mi ricevis personan leteron de la norvega ĉefskolto en kiu li petas, ke mi skribu al la du revuoj de norvegaj skoltoj kaj skoltestroj informajn artikolojn pri Esperanto.

El Danujo mi ricevis presaĵojn de Eskil Svane, Hellerup, el kiuj mi lernas, ke la dana sekcio de SEL sin turnis al la partoprenantoj de "Landsrovertinget" - la landa kunveno de roveroj - kun informoj kaj propono.

Ĉi tiu numero ankaŭ estas kristnaska numero. Por iel celebri tiun feston, mi redonas - kun muziko - kristnaskan kanton, kiu laŭdire estas tre ŝatata en Usono. Mi ja esperas, ke vi povos kanti ĝin.

Kaj per ĉi tiuj vortoj mi sendas miajn salutojn kaj bondezirojn al vi ĉiuj!

Hans Amund.

Nara : Pagodo de Todaiji-templo.



# JAPANUJO

En unu sia libro B.P. rakontis revon kiun li havis: "Kiam mi alvenis al la ĉielpordo, Sankta Petro demandis al mi kiel Japanujo plaĉis al mi. "Japanujo", mi respondis mirigita, "neniam mi estis tie." "Sed kion vi faris en via tuta vivo? Ĉu vi pensis, ke Dio ne volas, ke vi vojaĝu kaj vidu ĉiun belaĵon kaj ĉiujn mirindajn landojn kiujn Li faris. Reiru, amiko, kaj pririgardu ĉion dum vi ankoraŭ havas okazon," diris Sankta Petro." B.P. vekiĝis kaj ekvojaĝis. Dum veturo ĉirkaŭ la mondon en 1912 li ne nur vidis Japanujon, sed li ankaŭ konatiĝis kun sia edzino. BP neniam bedaŭris ke li faris laŭ la konsilo de la revo.

Ĉu vi ŝatus ĉirkaŭrigardi en Japanujo? Baldaŭ eble venos via okazo. En 1971 la japanaj skoltoj estos gastigantoj de la dektria Mondĵamboreo. Jen kelkaj faktoj pri tiu lando kaj pri la skolta movado tie Komencu la ŝparadon, ĉar vi neniam bedaŭras tiun rev-vojaĝon.

### JAPANUJO LANDO DE NEKONATA BELECO

La imperio Japanujo konsistas el kvar grandaj kaj ĉirkaŭ tricent malgrandaj insuloj. Multaj tertremoj kaj vulkanoj faris la pejzaĝon tre monta kun malmultaj ebenaĵoj. Malgraŭ la vasta industrio la agrikulturo estas ankoraŭ ĝia plej grava vivrimedo. Kvankam oni kulturas tre intense, kaj ofte akiras du rikoltojn jare, tio ne sufiĉas por la nutrado de la tuta popolo. La plej gravaj produktaĵoj estas la rizo (la popolmutraĵo), tritiko kaj fruktoj.

Ankaŭ fiŝkaptado havas grandan valoron. Japanujo eĉ estas la unua fiŝkaptanta lando en la mondo. Sardeloj kaj balenoj donas la pli grandan parton de la produkto.

Japanujo havas naŭdek kvin milionojn da loĝantoj, dek milionoj el ili loĝas en la ĉefurbo Tokio.

### KOMENCO DE LA SKOLTISMO

La skoltismo komencis frue en Japanujo. Jam 1910 aperis traduko de "Skoltado por Knaboj". En diversaj urboj ekestis grupoj kaj tiel en 1912 grupo de entuziasmaj skoltoj bonvenigis BP en la Jokohama haveno. Estis diversaj grupoj sen kunigo. Tio ekestas post jaroj, i. a. sub gvidado de la nuna imperiestro Hirohito. 1921 la tiama princo vizitis Anglujon, kie li petis BP instrui lin pri skoltismo. La kronprinco vizitis skoltrallion en Edinburgo kun 15000 partoprenantoj, kaj li tiel entuziasmiĝis ke oni, la dektrian de aprilo 22, fondis japanan skoltligon.



Oni organizis la novan ligon laŭ brita modelo. Oni komencis intensan ekzercadon, kaj la nombro de skoltoj multiĝis. Post nelonga tempo la juna ligo povis montri sian valoron. Post la tertremo en Tokio 1923 la skoltoj agis tre sukcese. Al grafo Shimpel Goto, la unua ĉefskolto, doktoro kaj politikisto, oni komisiis la rekonstruon de la urbo. Dum kelkaj jaroj la skoltoj plenumis parton de tiu komisio.

Ankaŭ la internaciajn kontaktojn oni ne forgesis. Al la unua Mondĵamboreo Londono 1920 nur 3 skoltoj estis delegataj. Sed al la dua en Danlando jam estis 25 personoj. Post tio la japanaj skoltoj forestis nur de unu mondĵamboreo: en 1947. La kaŭzo estis la Dua Mondmilito.

LA MILITO

En 1941 la aŭtoritatoj malpermesis skoltismon, kaj tuta la ligo malaperis. Kompreneble la skolta spirito ne malaperis. Kiel tuŝanta memorigaĵo de tio estas en Japanujo monumento. Ĝi montras vunditan amerikanan soldaton kaj japanan militiston kiuj faras skoltsaluton unu al la alia. La kaŭzo de tiu monumento estas tro bela por prisilento. Dum grava batalo sur insulo en Pacifika Oceano unu japano trovis vunditan amerikanon. Oni ne kutimis preni militkaptitojn, sed kiam la japano vidis, ke la vundito faris skoltsaluton per tri fingroj, li memoris la tempon kiam li mem estis skolto kaj komprenis, ke li ne povas mortigi sian skoltfraton. Li skribis mesaĝon sur paperpecon kaj metis ĝin en la brustpoŝon de la vundito: "Mi estas japana skolto kaj mi esperas, ke vi baldaŭ resaniĝos kaj mi deziras al vi plej bonan estontecon." Laŭ la peto de la gepatroj de la tiel savita soldato, la japanaj skoltoj konstruis post la milito la monumenton.

POST LA DUA MONDMILITO

Tuj post la milito la estroj rekontaktiĝis, sed la amerikanoj malpermesis ĉian kunigon. Tial la refondo estis tre malfacila.

Sed per la helpo de kelkaj skoltoj tra la amerikanaj militistoj oni post iom da tempo havis permeson provi kun kelkaj trupoj: kvin en Tokio, unu en Jokohama. Estis 1947. La provo sukcesis, kaj 1949 la japanaj skoltoj reaperis publike. Estis la unua nacia kunveno. Kvar mil skoltoj kolektiĝis apud la imperiestra palaco por marŝi tra la ĉefurbo. Post la sinprezentado al la ĝoja popolo ili decidis, farante la promeson, rekonstrui la landon. La Poŝto eldonis specialan markon, kaj la poŝtstampo montris la faron simbole: el hakita trunko ekfloris nova branĉeto. La iamaj aĝoj forpasis – nova tempo komenciĝis

PLIGRANDIGO

Pri la pligrandigo oni zorge atentis. Oni organizis grandajn naciajn kampadojn, kaj kreis novajn kontaktojn kun eksterlando en kelkaj naciaj ĵamboreoj. La unua nacia ĵamboreo estis ankoraŭ malgranda, sed la sekvaj altiris ĉiam pli da partoprenantoj:
17ooo en 1959, 25ooo en 1962 kaj 30ooo 1966

ĜIS LA REVIDO

precize 126 818 japanaj skoltoj pretas por la akcepti siajn fratojn dum la 13-a mondĵamboreo 1971. Dektri estas feliĉa nombro en Japanujo! La Mondĵamboreo pruvos ĝin.

Seŝŝu: Vintra pejzaĝo

Traduko de J.C de Waard.

# BONVENON

Tu iras, iu venas. Jen vera bono. Ne, ke iu iras – ĉar ni bezonas ĉiun. Ni tamen devas kompreni kaj respekti tion – kaj danki pro la bona laboro farita. Kaj ne forgesi la vere respektindan agon, ke ili serĉis anstataŭanton kaj posteulon!

Nia danko hodiaŭ iras al la du, kies nomoj ne plu troviĝas inter la Naciaj Reprezentantoj:
Jozef Van Gulck – kiu intertempe prenis sur sin la taskon,
kaj Seppo Tella, kiu ricevis de la franca ŝtato subvencion por kelktempa studo ĉe franca universitato. Lin anstataŭas skoltamiko, kiu de la komenco helpis lin. Li estos dum tiu tempo nia help-NR.

Ni dankas – kaj fidas, ke ambaŭ ankaŭ estonte helpos laŭ sia povo.

Kaj ni deziras la du novajn koran bonvenon.

Eddy Frederickx estas subgrupestro de la 24-a Grupo VVKS-Antwerpen. Li naskiĝis 1944, kaj konas tiujn lingvojn: Nederlanda, Franca, Angla, Germana, Latina, Greka, Esperanto. Nuntempe studas por akiri diplomon de doktore en klasikaj lingvoj.

Timo Kaijanranta estas tre juna. Li naskiĝis 1951, estas skolto ek de 1959 kaj esperantisto de 1966.

Fine ni ankaŭ esprimas nian bonvenan saluton al la ĝemeloj Michael kaj Jan Withey, kiuj naskiĝis la 13-an de aŭgusto.

Komprenoble: Kun la bonvenigo iras plej sinceran kaj koran gratulon al la gepatroj, nia amiko David kaj lia edzino!





# AKTIVECO



Somera Esperanto-Tendaro 27 VII - 9 VIII okazis en Ĉeĥoslovakujo. Inter 120 partoprenantoj estis 14 geskoltoj, kaj inter la instruistoj ankaŭ du skoltinoj, 14 kaj 15 jaraj, kiuj ambaŭ havis propran grupon de kursanoj samaĝaj.
10 el la partoprenantoj aliĝis al la nacia sekcio de SEL, kaj tiel la nombro de SEL-anoj en la kurso fariĝis 22. Kredeble la partoprenantoj de la kursaro en Lanĉov helpos al ni esperantigi pluajn geskoltojn kaj varbi ilin al la nacia sekcio de SEL en ĈSR.

Laŭ raporto de St.Leŝinger.

TRILANDA ESPERANTO-KONGRESO okazos en Aachen 27.-31.III 1970. Interesa programo atendos, kaj la Internacia Junulara Renkontiĝo en la junularagastejo daŭros poste ĝis 4.IV.
Vin turnu al LKK, D-51 Aachen, Karl-Marx-Allee 172.

Rezulte de afiŝeto en la fenestro "Learn the International Language Esperanto" s-ro Norman Booth unu tagon ricevis viziton de 9-jara knabo, kiu volis lerni. Baldaŭ el tio kreskis infana klaso, inter kiuj ankaŭ lupidoj kaj geskoltoj. Nun ili skribas leterojn en Esperanto, sed montras ilin al s-ro Booth antaŭ enpoŝtigo.
Unu el la knabinoj, Susan McLeary, trapasis la provon por la insigno de Interpretisto uzante la Internacian Lingvon. Ŝi eble estas la unua, kiu faris tion, post kiam la regulosŝanĝo permesis tion en Anglujo.
Laŭ "Esperanto Teacher".

La Skolta Mond-Oficejo ("Bureau mondial du Scoutisme") atentigas pri adresŝanĝo: Post la 15a de decembro la adreso estos: Poŝtkesto 78, CH 1211 Ĝenevo, Svisujo, la oficejo troviĝas en 5, rue du Pré-Jérôme, kaj la telefono estas (022) 26 32 70.

KORESPONDPETO
Matysich Jeny, Biale-Bloto 2, pta Trobownow, pow Olesnica Sl, Polujo petas interŝanĝon de poŝtmarkoj, bildkartoj, moneroj. Li estas fraŭlo 29-jara, komencanto de Esperanto.

# AVOTO:

Anglaj ĵurnaloj raportas, ke en la Jorkŝira urbo Harogato (kie okazis la 46-a Universala Kongreso de Esperanto en 1961) troviĝas malnova apoteko, kies nuna tenanto estas 76-jara.

Oni demandis al li, kial li ne emeritiĝas sin, por ĝui la liberecon kaj ripozon, al kiuj lia longa laborvivo rajtigas lin.

"Mia patro ne permesas," estas lia respondo.

"Via patro? Ĉu do li ne estas jam fantomo?"

"Tute ne. Li estas nun 105-jara, kaj loĝas en maljunulejo, sed li ankoraŭ vigle koncernas sin pri la apoteko, kiun li mem fondis antaŭ ĉirkaŭ 70 jaroj. Ĉiusemajne mi devas prezenti al li raporton pri stoko kaj kontoj, kiun li zorge kontrolas. Mi estas lia sola ido, kaj li deklaris, ke neniu alia apotekisto povos akiri la apotekon dum lia vivo. Mi ĉiam obeas mian patron, do mi devas resti tie ĉi ĝis lia aŭ mia morto. Li estas la plej maljuna kvalifita apotekisto en Britujo; siatempe li klopodadis sindone dum multaj jaroj por stabiligi tiun ĉi entreprenon, kaj mi ne volas malrespekti lian deziron.

... ... ... ...

Karaj gefratoj de SEL, tiu ekzemplo de fidela persistado montras al ni klare la vojon al fina sukceso de nia kampanjo por utiligi Esperanton oficiale en la skolta movado.

Mi mem ne estas tre bela (kiel vi vidos en la foto), kaj mi ankoraŭ



ne atingis la aĝon de 105 jaroj (mankas tamen nur 31 jaroj!), sed mi estos tre feliĉa se mia ido SEL trafos sian celon antaŭ mia eventuala fantomiĝo! Mi urĝe petas al ĉiuj liganoj (kaj liganinoj), ke ili strebu senĉese en ĉiuj landoj al fina venko de nia bela internacia lingvo. Sen ĝia absolute neŭtrala, amika bazo neniu tutmonda movado povas progresi kontentige.

La venonta ĵamboreo en Tokio estos superbe oportuna por pruvi la utilecon de nia lingvo. Studu ĝin diligente kaj parolu ĝin flue. Mi salutas vin ĉiuj, kaj deziras al vi triumfan venkon.

Avoto

Fondinto.

Avoto sendis al la red. tri fotojn el la ĵamboreo en Essex.

La apuda montras ses japanajn skoltojn kiuj partoprenis - kaj nun ni montras ĝin ĉi tie en nia "japana" numero kun danko al Avoto.

Sed la nomojn de la fotitaj japanoj ni ne konas.

# PEDRO

SKOLTETO DE LA BLANKA SESO



























*Tenderly*

1. La · bebo Je- suo post si-a al-ven' dormetas en
tro go sen tuk' kaj ku sen' Li pac-e dorm-etas, kaj
de la ĉi-el' tra mura fendet o ri gardas la stel' A-men.

2 Dum bestoj manĝadas, vekiĝas l'infan'
senplore, al panjo leviĝas la man'.
Amata Jesuo, rigardu al mi
dum mi endormiĝas en lit' tie ĉi.

3

Ĉeestu, Jesuo, kaj ne iru for,
sed restu proksime kun amo, Sinjor',
ĉielen nin gvidu kaj benu nin per
la graco senlima por ĉiu sur ter'.




SKOLTA UNIVERSALA FONDAĴO

World Scouting publikigas en sia lasta numero la starigon de nova fondaĵo por helpi al skoltoj realigi la skoltismon, i.a. la penson de B.P. laŭ la kvara sentenco en la skolta leĝo: "La skolto estas frato de ĉiu alia skolto."

La starigon de la fondaĵo oni publikigis dum la 22-a mondkonferenco en Helsinki.

Sed planoj jam pli frue estis metitaj, i.a. oni decidis demandi la knabojn mem pri nomo al la fondaĵo, kaj la 12-jara Maxwell James Cawte en Nov-Zelando gajnis senpagan vojaĝon al la mondĵamboreo.

Kaj dum la mondkonferenco la prezidanto persone telefonis al la knabo por informi lin pri la sukceso.

Nun tiu skolto ja estis el lando kun la angla kiel nacia lingvo, kaj la interparolo povis okazi sen malfacilaĵoj. Sed kio okazus, se ekzemple turka knabo gajnus?

La celoj de la fondaĵo estas:
- doni al la skoltoj ĉie en la mondo ŝancon partopreni en agado por plivastigi skoltismon,
- kaj fortigi la internacian fratecon de skoltismo.

La Skolta U-fondaĵo celas helpi al memhelpo
- per pluaj manlibroj, kampadoj, ekzercocentroj kaj ekipo,
- helpi al skoltoj en mizero,
- helpi alporti skoltismon al pli malfeliĉaj knaboj, la sengepatraj, la kriplaj, la blindaj.

La tago de Skolta U-Fondaĵo estos ĉiujare la 22-an de februaro, la tago de la fondinto.

Ni, kiel veraj internaciistoj kaj kun la celo krei pluan fratecon inter skoltoj diversnaciaj, salutas la fondaĵon kun ĝojo, kaj ni esperas, ke ĝi vere alportos al la skoltismo benon.

Kaj jen, geskoltoj: Via japana numero.



Kaj kiel fina propono: Japana kunveno en via grupo.



